*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**

PLENUMITA 15/08/2019 Kvarcenttrideknaŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)



**Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.**

**Legu tiujn kiuj interesas vin**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 843,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **310,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **294,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **239,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.81






Post mencii kelkajn nenormalajn propoziciojn, nome tiujn kie mankas Subjekto aŭ Verbo aŭ ambaŭ, P.A.G. en $ 168 diskutas kion ili nomas la "ecpropozicio"n. Ĝi ĉiam konsistas almenaŭ el verbo kaj kvalifikesprimo, kiel en "La domo ESTAS BLANKA", kie "estas" nomiĝas la helpverbo kaj "blanka" la Predikativo. En antaŭa artikolo mi menciis, ke mi nomas la helpverbon simple "verbo" kaj ĉi tiun predikativon "subjekta predikativo" (ĉar ekzistas ankaŭ "objekta predikativo", de PAG nomata "atribua ag-propozicio"). La helpverboj estas malmultaj, kaj ĉiuj estas variaĵoj de "egalas al": "La infano ASPEKTAS malsana". La Subjekta Predikativo estas AŬ adjektivo AŬ substantivo AŬ infinitivo: "Ŝi estas PRETA; Il restos PREZIDANTO; Perdi la vivon nomiĝas MORTI".

P.A.G. donas multajn kazojn en kiuj oni uzas la t.n. ec-propozicion, sed ne necesas mencii ilin ĉar ili estas la samaj kiel en la eŭropaj lingvoj: ne pli nek malpli (kaj tial nur ili trovatas en la Esperanta literaturo). Ĝi tamen utile aldonas ke la predikativo povas kelkfoje esti prepozitivo, kiel en "Mia frato estas DE MEZA ALTECO" (= adjektiva funkcio, = "tia"). Alia ekzemplo: "Tiu ilo estas EL FERO" = "fera").

*Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

.Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero. rspring@tpg.com.au



# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf Unu taso da klubpagota kafo atendas vin.
La 17a de aŭgusto estos la tria sabato. Venu! *Roger Springer*

# Peto



Se iu havas memoraĵojn pri John Eliot aŭ pri la vizito de Lanti al Aŭstralio, bonvolu sendi la informojn al trevor.steele99@gmail.com *Trevor Steele*

# El Adelajdo





La kluban kunvenon en Adelajdo ĉeestis pasintmarde 12 partoprenantoj. Katja Steele parolis (kaj projekciis) pri la interesaĵoj de Slovakio. Trevor Steele preparis kvizajn demandojn, kiuj estis disdonitaj tiel, ke ĉiu havis almenaŭ 3 demandojn por la resto de la grupo. Amike, *Katja Steele*

Bildojn sendis *Bob Felby*













# Supre estas ekzemploj de facilaj klubaj raportoj.

Ĉu la sekretario de via klubo povus sendi similan novaĵon pri via klubo?? rspring @tpg.com.au
Poste la mondo ekscios ke via klubo aktivas kaj AE daŭros. *Roger Springer*

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

# Kiel malpliigi la vorttrezoron de Esperanto

Jen provo malmultigi la tro multajn vortojn de Esperanto

Gekomencantoj ofte plendas ke estas tro multe da vortoj en nia perfekta lingvo. Mi do, ĉar mi ŝatas ŝajnigi min tre helpema, verkis ĉi tiun lecionon "kiel malpliigi la vorttrezoron de Esperanto. Jen do"!

Ĉu ni vere bezonas la vorton "orelo"? Eĉ Zamenhof ja kreis vortojn kiel mi nun montros al vi. Ekzemple la vorto "orelo". "Orelo". Kion faras la orelo? Ĝi aŭdas, ĉu vi ne konsentas? Do, "orelo" estas tute superflua, ĉu ne? Ĉar ĝi aŭdas, ni devas nomi ĝin "aŭdilo"! Kaj la tiel nomataj "aŭdhelpiloj" devas fariĝi "aŭdigiloj", ĉu ne?

Kaj kion faras la okulo? Kompreneble ĝi "vidas". Do, multe pli bona vorto ol "okulo" estas "vidilo". Kaj anstataŭ diri "okulvitroj" ni ekde nun diros "vidigiloj". Ĉu vi komencas kompreni min?

Kaj ĉu eblas pli faciligi la vorton "lipharoj"? Mi proponas anstataŭ "lipharoj" diri "ternigilo", ĉu ne?

Kaj la vorto "nazo"? Kiel plej bone renomi ĝin? Kion ĝi faras? Kompreneble ĝi flaras! Ĉu nun vi mem povas daŭrigi la longan liston de plibonigoj? Do estontece ni ne plu diros "lipharoj", aŭ "liphararo" sed "ternigilo"!

Kaj ĉu ni vere bezonas la vorton "lipoj"? Kompreneble ne! Kion faras la lipoj? Ili ridetas, ĉu ne? Do, ne forgesu, estontece, anstataŭ diri "lipoj" oni devos diri "ridetigiloj". Ĉiu infano povas kompreni tion!

Kaj kion diri pri la malfacile memorebla vorto "dentoj"? Kion en la mondo faras la dentoj? Facile, ĉu ne? Ili ja maĉas. Do anstataŭ diri "dentoj" ni ĉiuj, ekde nun, diros "maĉiloj"kaj eble "mordiloj.

La korpo konsistas el multe da korpopartoj. Mi aldonos nun nur unu plian ekzemplon. Poste vi mem devos sidi kaj pripensi kiel vi plej bone povas plifaciligi la lernadon de nia belega kaj facile lernebla lingvo.

Do jen la lasta de mi ekzemplo: "Fingro". Mi estas certa ke vi ĉiuj bone, eĉ bonege, komprenos, ke multe pli bona vorto ol "fingro" estas "elmukigilo", ĉu ne?



*Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Mi bezonas mian ĝardenon.





**NI ĈIUJ BEZONAS DUCENTJARAN VIVON .**

Konsiderante la laboron farendan, mi konstatas, ke post cent jaroj da vivo mi bezonas pluajn cent jarojn por ankoraŭ fari kaj fini la multajn laborojn atendantajn, en la hejmo , ĉe la samfamilianoj, kaj en la Esperanto-movado. Sed la nunaj kleraj inventistoj ankoraŭ ne trovis manieron por adapti mian korpon al plia cento da vivjaroj. Mi do povas nur esperi, ke aliuloj

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

kompletigos miajn taskojn, kio ofte ne okazos. Almenaŭ la laboro de Zamenhof nun daŭrigatas. Marcel. (Marcel naskiĝis 4-an de Decembro 1917)

**NE HEZITU UZI ĜUSTAJN ESPERANTAĴOJN !**

Ne hezitu uzi nekutimajn Esperantaĵojn, se vi certas ke ili estas ĝustaj kaj kompreneblaj. Mi donu kelkajn ekzemplojn.

La komuna nomo "malliberejo" estas zamenhofa mallongigo de la vorto "malliberulejo". Ne hezitu fari la samon por la vorto "malsanulejo" uzante "malsanejo". Tia malplilongigo okazas pro la zamenhofa konsilo, kvazaŭ oficiala regulo, ke en Esperanto oni rajtas, se oni volas, forlasi el vortkunmetaĵo tiujn partojn sen kiuj ni tamen komrenas la ĝustan signifon de la vorto.

Eksperimentu pri la prepozicioj. Ili ĉiuj povas ŝanĝiĝi al adjektivo aŭ adverbo, al substantivo, kaj precipe al verbo, ĉar ĝi funkcias iomete kiel verbo. Sed zorgu ke vi obeas la naturajn regulojn por krei tiajn alikategoriajn vortojn; naturaj reguloj, ĉar ili baziĝas sur la signifoj de la prepozitivoj. Do "antaŭo" estas la antaŭa parto de io, la parto kiu estas antaŭe, kaj "antaŭas" signifas "estas antaŭ". Ĉar la regulo baziĝas sur natura regulo pri la signifoj de substantivo kun sia prepozitivo, (ekz. "La ŝipo SUB la ponto" > "La ŝipo ESTAS SUB la ponto" > "La ŝipo SUBAS la ponton"), oni devas ĉiam certiĝi ke la unua substantivo fariĝas la subjekto de la verbo kaj ke la prepozitiva substantivo fariĝas la gramatika objekto de la nova verbo. Ne ekzistas esceptoj al ĉi tiu regulo.

En etnaj lingvoj oni logike havas kvar malsamajn vortojn por certaj pozicio, du por la loka situacio kaj du aliaj por la tempa pozicio, nome en la franca "*devant*" kaj "*derri'ere*" kaj en la angla "*infrontof*" kaj "*behind*" por la loko kaj "*avant*" kaj "*apr'es*" kaj "*before*" kaj "*after*" por la tempo. En Esperanto oni ne faras tiun logikaĵon, sed ne hezitu esti logika uzante por la loko "antaŭ la preĝejo" kaj "malantaŭ la preĝejo" kaj por la tempo "malpost la diservo" kaj "post la diservo" , aŭ por KAJ la tempo KAJ la loko uzi nur "antaŭ" kaj "post", kio lasta estas same logika kiel uzi la samajn ĉe tempo kaj loko en la frazoj "SUR Dimanĉo mi veturas SUR la eksterurbaj vojoj" kiel oni diras ankaŭ en la angla kaj la nederlanda.

Por "Mi ne malsatas, sed mi tamen manĝas" ne hezitu diri "Mi ne malsatas sed mi manĝas malgraŭe".

Por "La infaneto ne rajtas libere promeni en la strato, sed ĝi penas" ne hezitu aldoni "Ĝia tamena peno fari tion povas esti danĝera".

Ne hezitu uzi "La multlaborspeca aparato kuireja" .

Kaj eĉ ne hezitu uzi la vorton "fekejo" anstataŭ "necesejo", ĉar pluraj lokoj en via domo estas necesaj ejoj, do necesejoj, ekzemple via kuirejo estas necesa ejo, do necesejo.

Marcel Leereveld.

SE VI TRADUKAS la jenon en la anglan, vi havos du malsamajn signifojn: "Se ci donas al mi kelkajn daktilojn por manĝi, mi povos havi kelkajn daktilojn kun ŝi". M.L.

**MALHONESTECO.**

Ne decas en A. E. ofendi aŭ akuzi aŭstralian Esperantiston. Rajte la redaktoro ne publikigus tion. Eĉ se oni ne mencius nomon, li hezitus pri la publikigo, ĉar kelkaj, se ne pluraj, legantoj ĝuste divenus la akuziton. Aliflanke mi rajtas hipoteze demandi al la

legantoj, kion ili pensas pri la honesteco de klera aŭstralia Esperantisto se tiu malantaŭ la dorso de alia klera Esperantisto konsilas al la homoj , sen pruvoj, ne uzi nek akcepti la gramatikajn tezojn de tiu alia aŭstralia Esperantologo asertante, ke ties tezoj estas nur idiosinkraziaĵoj ne indaj prenati serioze. *Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Uzu Esperantajn literojn Ĉ, Ĝ, Ĵ, Ĥ, Ŝ kaj Ŭ

Kelkaj proponoj sekvas. Elektu la plej facilan por vi kaj uzu ĝin.

La paĝo http://lingvo.org/klavaro , mencias diversajn helpilojn por tajpi la ĝustajn literojn.
Angle http://en.esperanto.org.nz/how-to-learn-esperanto/how-to-type-esperanto-characters,
Esperante : http://eo.esperanto.org.nz/how-to-learn-esperanto/how-to-type-esperanto-characters
Amiketo ebligas tajpadon de ĉapelitaj literoj http://www012.upp.so-net.ne.jp/klivo/amiketo/
La specialaj Esperanto-literoj estas ĉiuj en la ''Latin 3 Symbols'' supre dekstre sub ''Insert''. Oni alklakas ''Insert'' kaj dekstre aperas ''Symbols''. Oni povas instali la Esperantajn literojn sur la klavaron.

**Por vindozaj komputiloj senpagaj Ek!** Aŭ **Tajpi.** Aŭ vidu sube
Unu el la plej facilaj metodoj **http://esperanto.typeit.org/ senpage**
**aŭ http://www.typeit.org/app/?lang=esperanto&side $US12.50c (A.E. uzas *typeit*)**
iPhone Nun estas havebla pli bona Esperanto-klavaro por iPhone/iPad kun iOS8. Oni povas facile ŝanĝi inter la kutima klavaro kaj la Esperanto-klavaro, kaj tajpi rekte en iu ajn programeto: https://itunes.apple.com/au/ap/id951119795

## Uzu Esperantajn literojn por Mac OS X Vidu AE 191 paĝo 3

La epoŝta programo "gmail" de Google transsendas la esperantajn literojn tute bone.
Esperanto x-system to Unicode - Chrome Web Store
*https://chrome.google.com/webstore/detail/esperanto-x-system-to...*

Se vi ankoraŭ ne povas uzi la Esperantajn literojn, uzu la 'x' post la litero kiu bezonas la supran signon

La sufikso "-i-" por landoj estas oficiala sed gramatike malĝusta,
do estas pli bone uzi la Zamenhof'an sufikson "-uj-".

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.





http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine_
Vi bezonas nur 5 minutojn ĉiun tagon por tiu programo.
☺ ★★★

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj ĉiutage Klaku, Aŭskultu,Spertiĝu**

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*